FREMDULO EN LONDONO

# THE BRITISH ESPERANTIST



With which is incorporated
INTERNATIONAL LANGUAGE

Vol. XXXI., No. 397
MAY 1938
Price 2d

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

THE British Esperanto Association consists of men and women who believe that Esperanto is one of the important factors of modern progress; that by its aid international communication of every type is facilitated.

Esperanto is intended not to replace the national tongues, but, acting as a second language for people of all nations, to facilitate both written and spoken communications between them.

**YOU**

are invited to co-operate in spreading a knowledge of Esperanto by completing the following application for membership :—

TO THE SECRETARY,
**THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.),**
142 HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1.

**I,**............................................................

*hereby apply for membership of THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.), and enclose the first Annual Subscription, 5/–. (Persons under 18 may join as Junior Members, subscription 2/6 per annum). I agree to be bound by the Memorandum and Articles of Association (a copy of which is sent to all candidates for Membership).*

*Signature* ............................................................

*Nationality* ............................................................

*Rank, Profession or Occupation* ............................................................

*Address* ............................................................

*Date* .............................. *Age (if under 18)* ..............................


Printed by SUMFIELD & DAY, LTD., Station Street, Eastbourne, for the Publishers, THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC., 142, High Holborn, London, W.C.1.

# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXI, No. 397 MAY, 1938

## LA REDAKCIO KOMENTAS

**Unueco**

POR kompletigi la unuecon de la ĝenerala Esperanto-movado, en la kadro de Internacia Esperanto-Ligo, mankis nur unu grava ĉenero. Tiun ĉeneron jam forĝis la Svisa Esperanto-Societo, kiu dum sia jarkunveno en aprilo decidis aliĝi kiel landa asocio al IEL. Nun restas neniu grava landa asocio ekster la Ligo. Finiĝis feliĉe la dua ĉapitro !

* * *

**La U.K.**

Ankoraŭ tri monatoj apartigas nin de la Universala Kongreso en Londono, kaj la nombro de kongresanoj jam sumas 1300. Rimarkante, tamen, ke pli ol la duono de tiu nombro estas britoj, ni kaptas la okazon por fari averton kaj admonon al niaj samlandanoj ĉeestontaj la kongreson. Kvankam vi estos la plimulto, tamen ne forgesu, ke vi estas la gastigantoj, kaj ke la organiza komitato unuavice konsideris la eksterlandajn vizitantojn, kiam ĝi aranĝis la diversajn elementojn de la programo ; ne malhelpu ilian ĝuadon per troa trudado de via plimulteco. De la vidpunkto de propagando, ankaŭ, necesas maltrudiĝo flanke de la britaj kongresanoj ; la publiko devas vidi la aferon kiel tutmondan kongreson, kaj ne kiel konferencon de britaj Esperantistoj. Do, estu diskretaj kaj parolu Esperanton.

* * *

**Aŭstrio**

Ĝis nun ni ne ricevis precizan informon pri la ĝenerala sorto de nia movado en Aŭstrio, sed la anonco, kiun ni presigas en paĝo 299 pri la likvidiĝo de *Verda Revuo*, sufiĉe klare montras, en kiu direkto la vento blovas. Ni esprimas plej sinceran kunsenton al niaj samideanoj en tiu lando.

La forpaso de *Verda Revuo* estos vera perdo. Unu el la plej junaj inter niaj gazetoj, ĝi prezentis ĉiumonate aspekton de freŝeco kaj moderneco, kaj ĝia enhavo, riĉe ilustrita, estis ĉiam interesa kaj plene senpartia. Hazarde en ĝia lasta numero, aperinta en marto, ni trovis artikolon pri Londono, verkitan de aŭstriano, kiu tiom plaĉis al ni, ke ni represigas ĝin en nia nuna numero por la kongresanoj de la XXXa.

* * *

**Taxi !**

Kvankam ni, laŭ gazetara kutimo, akceptas respondecon nur pri opinioj esprimitaj en artikoloj ne subskribitaj, ni sincere bedaŭras, ke la taksiistoj-Esperantistoj de Londono sentas sin ofenditaj de la mokaj komentoj de nia kontribuinto E. W. Amos en nia aprila numero (vidu paĝon 301 en la nuna).

Ni esperas, ke post nia presigo de klarigoj ambaŭflankaj la afero forgesiĝos kaj pardoniĝos. Pasante, ni ĝojis havi la okazon konstati, kiom viglaj kaj bone organizitaj estas niaj samideanoj en la taksia metio en Londono, kaj ni esperas, ke ankaŭ ili trovos utilan rolon en nia baldaŭa kongreso.

Aludante al s-ro Amos, ni utiligas la okazon por esprimi al li nian sinceran dankon pro lia utilega kunlaborado dum la pasintaj monatoj. Malgraŭ la multa laboro, kiun li faras alidirekte por la kongreso, li trovis tempon por traduki kaj originale verki por ni serion da artikoloj pri Londono, kaj ni esperas, ke ili plaĉis al nia ekster-Londona legantaro.

* * *

**Adiaŭ !**

Ni ricevis informon, ke fermiĝis la fama lernejo en Eccles, en kiu unuafoje Esperanto enkondukiĝis kiel parto de la oficiala lernprogramo de geknaboj en popola lernejo. En alia paĝo ni aperigas anglalingvan raporton, kun historiaj detaloj ĉerpitaj el *Manchester Evening News*, kiu aparte menciis la rilaton inter la lernejo kaj Esperanto.

Forpasis la lernejo, sed eterne vivos la fruktoj de ĝia pionira laboro.

# FREMDULO RIGARDAS LONDONON

De D-ro VILH. VIOLA

(*Represita el* VERDA REVUO, *Eldonita en Vieno*)

ONI estas surprizita en la fervoja trajno al Londono, ke ankaŭ en la vagonoj de la 3a klaso la sidlokoj estas remburitaj kaj ĉiu vagono havas fluantan varman akvon por lavado. En la plej multaj stacidomoj de Londono la aŭtomobiloj veturas ĝis la perono, tiel ke oni devas fari nur kelkajn paŝojn el la vagono al la veturilo. Sur la stratoj oni veturas maldekstraflanke.

Kompreneble la trafiko en tiu okmiliona urbo estas giganta. En multaj stratoj ni vidas kvar vicojn da aŭtomobiloj ; seninterrompe sekvas unu aŭtomobilo la alian. Ĉe la strataj kruciĝoj staras ne nur policistoj, kiuj regulas la trafikon, sed ankaŭ kolonoj kun oranĝe-koloraj globoj, kiuj okulfrape plifaciligas al pasantoj la transiron de stratoj. Cetere oni ne vidas armitajn policistojn en Anglujo. Kiu estas iom timema aŭ kiu devas rapidi, tiu iras ĉe viglaj stratkruciĝoj tra tunelo, kondukanta sub la strato al la alia flanko. La oranĝaj lumturoj, kiel ili estas nomataj, ekzistas ankaŭ ekstere de Londono. Pri la giganta aŭtomobila trafiko en Anglujo jena nombro donas imagon : Ĉiusemajne en Anglujo meznombre pli ol 100 homoj mortakcidentas, inter ili ankaŭ multaj infanoj, kiuj dum la transiro de strato ne estas sufiĉe atentemaj.

La ĉefa trafikilo de Londonano ne estas la tramo. Ekzistas nur malmultaj tramlinioj en la angla ĉefurbo, ĉar la tramo sin montris kiel trafika malhelpilo. La Londonano uzas aŭtobuson kaj subteran trajnon. La aŭtobusoj estas duetaĝaj. Kiu volas ion vidi de la urba vivo, tiu klopodas, supre, antaŭe okupi sidlokon. La aŭtobusoj — bedaŭrinde—ankaŭ supre havas plafonon. Tio estas klarigebla pro la pluva klimato. Ankaŭ la aŭtobusaj sidlokoj estas remburitaj. La Londonaj laboristoj kaj oficistoj, ofte loĝantaj 30 km. de siaj laborejoj, antaŭ ĉio uzas la subteran trajnon. Sub la urbo ekzistas subteraj trajnoj en tri etaĝoj. Al la pli subaj trajnoj oni iras sur rulantaj ŝtuparoj. Estas vere amuze vidi, kiel subite plata, rulanta ligna planko ŝanĝiĝas en ŝtuparon, kondukantan malsupren aŭ supren. Kiu devas rapidi, tiu ne restas staranta sur tiu ĉi ŝtuparo (la ŝtuparo kompreneble moviĝas), sed uzas ĝin kiel normalan ŝtuparon. En la stacidomoj de la subtera trajno ekzistas ankaŭ grandaj liftoj por ĉirkaŭ 50 personoj. Kelkaj haltejoj de la subtera trajno (ili senescepte estas sub la tero) estas tiom grandaj kaj disponas pri tiom da koridoroj, ke oni povas orienti sin nur per tre bone elpensita fiksado de vojmontriloj. En tiaj stacidomoj troviĝas ankaŭ vendejoj. La pordoj de la subtera vagonaro malfermiĝas kaj fermiĝas aŭtomate. La trajnoj trafikas rapidmaniere ; kutime en intervaloj de minutoj. Fremdulo, kiu ne devas rapidi, pli bone uzas aŭtobuson, ĉar de ĝi la elrigardo estas pli interesa.



[*Foto de H. W. Holmes*

**CENTRAL HALL, WESTMINSTER.**
**Ejo de la Infana Prezentado en la Kongresa vendredo**

En Londono oni vidas nur malmulte da almozuloj. En apudstratetoj aŭ sur la famaj "squares" (placoj)—entute ekzistas 400—de tempo al tempo estas videblaj almozpetantaj kantistoj aŭ muzikistoj. Hazarde vi ankaŭ povas vidi kaj aŭdi skotajn sakfajfistojn.

Ĉie oni renkontas simplajn veturilojn



**LYONS' OXFORD CORNER HOUSE**
**Ĉi tie okazos komuna lunĉo en la Kongresa dimanĉo, post la Inaŭguro**

kun fruktoj el ĉiuj kontinentoj. La fruktoj ne estas multekostaj, kaj aliaj nutraĵoj estas ankoraŭ pli malmultekostaj. Multaj nutraĵoj kostas nur la duonon de tiuj prezoj, kiujn oni devas pagi sur la kontinento. La kaŭzo de malaltaj prezoj estas la granda amplekso de la Brita Imperio kaj la fakto, ke en Anglujo doganoj por nutraĵoj preskaŭ ne ekzistas.

Kutime la Londonanoj tagmeze ne hejmenvenas. La distanco de la laborejo al la loĝejo estas tro granda. La tagmeza paŭzo plej ofte daŭras nur unu horon. La Londonanoj kutime en unu el la sennombraj teejoj trinkas tason da teo kun lakto kaj manĝas kelkajn sandviĉojn )pano kun butero, surmetitaj ovtranĉaĵoj, sardeloj ktp.). La ĉefan manĝon oni prenas vespere. Sed ankaŭ la matena manĝado ludas grandan rolon.

En Anglujo oni manĝas multe da butero. De la buterfoiro en Londono ĉiutage estas fortransportata unu miliono da kilogramoj da butero. Dumtage la anglo kelkfoje trinkas teon.

Al la plej laŭdindaj belaĵoj de Londono apartenas la publikaj ĝardenoj. Eble vi jam aŭdis, ke en kelkaj parkoj estas permesite ankaŭ surpaŝi la herbejojn. Sed en la plej multaj parkoj ekzistas ankaŭ certaj partoj, kiuj estas ĉirkaŭitaj de bariloj. La kaŭzo, pro kio oni permesas, iri ankaŭ sur herbokovraĵoj, estas tre simpla: la malseketa angla klimato (pro la proksimeco de la maro) ebligas rapidan kreskadon. La grandaj ĝardenoj (parkoj) kutime ankaŭ havas partojn destinitajn nur por infanoj.

La plej fama parko de Londono estas Hyde Park en la okcidenta parto de la urbo. Posttagmeze kaj dum dimanĉoj ĝi estas vizitata de multaj dekmiloj da homoj. Ofte oni povas vidi, ke homoj kuŝas sur herbejoj. Neniu malpermesas tion. En granda lageto meze de la parko oni remas aŭ banas. Ĉe la rando de la parko troviĝas loko, kie ĉiu rajtas fari paroladon. (Ankaŭ sur kelkaj aliaj placoj en Londono oni rajtas tion fari).

Londono disponas pri aro da bibliotekoj, kiuj estas libere viziteblaj. En ili ĉiu senpage povas legi librojn kaj gazetojn. En la plej multaj bibliotekoj ekzistas apartaj ejoj por infanoj.

Sur la stratoj Londonaj oni ofte renkontas hindojn, ĉinojn, negrojn. Londono ja ne nur estas la ĉefurbo de Anglujo, sed samtempe la metropolo de la granda, impona British Imperio.

---

*La sama artikolo aperis german-lingve en la pri-Londona kajero de aŭstria Junulara Ruĝa Kruco, Vieno.*



**OXFORD CORNER HOUSE**
**La Manĝosalono**

# PIONEER SCHOOL PASSES

THE history of Esperanto teaching as part of the curriculum of day schools dates from what is known as "The Eccles Experiment." In 1916 the subject was introduced experimentally at Green Lane Council School, Patricroft, near Eccles, Lancashire, as a result of the initiative of Miss Elizabeth Hogg, an enthusiastic Esperantist who was at that time on the staff of the school. The experiment was highly successful, and the regular teaching of Esperanto was continued for many years. Favourable reports by Board of Education inspectors on the work at this school formed an essential part of the evidence submitted to the Secretariat of the League of Nations, when the question of Esperanto in the School was being considered by the League in 1922.

The example of Green Lane School was quickly followed by other schools in various parts of this country, and did much to encourage similar enterprise abroad. It is therefore of particular interest to Esperantists that this school was closed down on March 31st of this year.

The school was founded by the famous engineer, James Nasmyth, who wished to provide training for his apprentices and the children of his employees at the steam hammer foundry he had established in Green Lane. The school was erected and opened in 1847, the money being provided equally by Nasmyth and his employees, each of whom contributed a week's wages.

Since that time a number of famous men have been among the 15,000 scholars who have passed through the school, which has played a great part in elementary and technical education in the borough. Esperanto was introduced under the second headmaster, Mr. R. J. Sanderson, who held the position for 42 years.

The premises have now been taken over for use as a club for boys and girls, and the pupils have been transferred to the new £40,000 Winton Senior School.

# LA HISTORIO DE LONDONO

(*Daŭrigo kaj Fino*)

DE E. W. AMOS

### La Normanda Epoko

EN la antaŭa artikolo ni vidis kiel Vilhelmo, Duko de Normandujo invadis Anglujon en la jaro 1066 kaj marŝis kun sia armeo al Londono, kie la urbanoj decidis kapitulacii kaj akcepti lin kiel reĝon. Baldaŭ poste li donis ĉarton al la urbo. Tiu ĉi ĉarto, kiu ankoraŭ ekzistas, konfirmis diversajn rajtojn, kiujn la Londonanoj ĝuis sub la antaŭa reĝo Edward.

La Londonanoj ŝajne akceptis bonvole la novan reĝon, sed Vilhelmo tamen suspektis eventualan ribelon, kaj pro tio li komencis konstruigi potencan fortikaĵon ĉe la sudorienta angulo de la urbo. Estas interese noti, ke la fortikaĵo estis ĝuste ekster la lima muro de la urbo. Tiu konstruaĵo estas la *White Tower* (Blanka Turo), kiu ankoraŭ staras, silenta simbolo de naŭcent okazoplenaj jaroj. Post Vilhelmo pluraj reĝoj ĝis la dek-sesa jarcento aldonis pliajn "turojn" al la fortikaĵo, kiu nun entute portas la nomon *Tower of London.* Tute apude staras la grandioza lev-ponto *Tower Bridge:* la ponto, kiun oni vidas sur la kongresaj glumarkoj.

Dum ĉi tiu epoko Londono daŭre fariĝis pli digna kaj kreskis ekstere de la muro en la direkto al *Westminster,* kie staris reĝa palaco. Estas rimarkinde, ke la reganto elektis resti ĉiam ekster la urbo mem—aŭ en la Tower, aŭ en Westminster Palace. Londono estis libera urbo kun pluraj privilegioj, eĉ kontraŭ la reĝo. Jen interesa ekzemplo: se la reĝo vizitis la urbon, li devis unue peti la permeson de la urbestro—kaj tiu tradicio ankoraŭ nun ekzistas! Ĉar la reĝo tre ofte loĝis en Westminster Palace, ĝi fariĝis pli kaj pli granda kaj ankaŭ parlamento kunvenis tie, aŭ en la palaco mem, aŭ en iu apuda konstruaĵo. La nuntempa parlamentejo staras sur la sama loko kiel la antikva palaco, kaj estas fakte kaj nome la *Palace of Westminster,* malgraŭ tio, ke oni kutime nomas ĝin *Houses of Parliament.*

Iu tiutempa verkisto lasis al ni interesan priskribon pri la urbo. Li diris, ke Londono estas feliĉa pri la pureco de sia aero, pri la kristana religio, pri la forteco de siaj defendoj, pri la karaktero de sia situo, la honoro de siaj loĝantoj, kaj la modesteco de siaj virinoj! Nur du malbonajn ecojn li konstatis en Londono: la drinkado de stultuloj kaj la ofteco de detruaj fajroj.

### La Katedralo

La plej grandioza konstruaĵo en la urbo estis la katedralo *St. Paul's.* Eĉ je tiu tempo la preĝejo, aŭ pli ĝuste ĝia loko, jam spertis longan historion. Oni scias, ke jam en la jaro 260 staris tie Kristana preĝejo kaj inter tiam kaj 1086 ĝi plurfoje detruiĝis, plej ofte pro fajro. En 1087 oni denove komencis rekonstrui ĝi, sed ankoraŭ okazis fajroj kaj aliaj malfeliĉoj, tiom ke la konstruado daŭris pli ol 200 jarojn. En 1561 denove ĝi parte falis en ruinon pro fajro kaj restis tiel en kaduka stato ĝis fine forigis ĝin la Granda Fajro en la jaro 1666. Pri tiu terura katastrofo ni legos poste.

### London Bridge

Antaŭ ol pluiri, ni paŭzu kelkajn momentojn ĉe tio, kio certe estas unu el la ĉefaj gloroj en la longa historio de Londono. Temas pri la romantika ponto, la antikva *London Bridge.* Verŝajne jam en la romana epoko ia ligna ponto estis konstruita super la rivero, kaj estas certe, ke en la dek-unua jarcento staris tie simila ponto. Tiu lasta, tamen, ne estis kontentiga, kaj en la jaro 1176 oni komencis konstrui ŝtonan ponton. Tiom malfacila estis la tasko, ke ĝi daŭris 33 jarojn, sed tiel bone oni konstruis ĝin, ke la ponto staris *pli ol ses jarcentojn* ĝis la finkonstruo de la nuna London Bridge en 1831.

Pensu momenton, pensu kiom da historio, kiom da feliĉo kaj kiom da tragedio vidis la ponto dum tiuj ses jarcentoj, kiam ĝi estis, krom la uzo de boatoj, la sola rimedo por transiri la riveron.

Sed estas 300 jarojn post ĝia konstruo, kiam la antikva ponto vere alprenas karakteron, kiu nepre devas interesi nin. Iom post iom je tiu tempo oni komencis konstrui domojn sur la ponto mem, kaj finfine preskaŭ tute kovris ĝin apenaŭ kredebla amaso de ĉiaj konstruaĵoj: domoj, butikoj, budoj, kaj en la mezo—preĝejo! Pluraj el la domoj havis kvar aŭ kvin etaĝojn kaj etendiĝis tute trans la straton, tiom ke la trafiko pasis tra speco de tunelo,

kiu estis—ni povas bone imagi—iom malluma! En unu loko estis malgranda sekcio, kiu povis leviĝi, por ke altaj ŝipoj preterpasu.

Kompreneble, la ponto ofte bezonis riparadon, kaj dum ĝia longa vivo okazis sur ĝi multaj katastrofoj je diversaj tempoj, ofte pro la ĉiamaj fajroj, kiuj malbenis la urbon. Je unu okazo 3000 homoj pereis en fajro, kaj en 1282 dum severa vintro tre difektis la ponton amasoj da glacio en la rivero.

## Kreskado

La tiama Londono estis nur la regiono, kiu estas la nuntempa *City*, relative malgranda regiono, kiun ĉirkaŭis murego. Tamen, eĉ en la mezepoko la urbo kresketis ekster la muron, ĝenerale je la konsterno de la urb-aŭtoritatoj, kiuj faris sian eblon malpermesi tiun kreskadon, finfine kun plena malsukceso. En 1532 la loĝantaro jam atingis 60,000, kaj nur kvindek jarojn poste ĝi jam duobliĝis! En 1600 la nombro estis 200,000, kaj en tiu jaro Londono efektive estis la komerca kaj financa centro de Eŭropo—rolo, kiun ĝi je tiu tempo iom post iom forŝtelis de Antverpeno. La Londonanoj ŝajne bone konstatis sian gravecon, tro bone laŭ la Duko de Württemberg, kiu vizitis la urbon en 1592 kaj trovis la homojn bele vestitaj, sed ege fieraj. "La plej multaj el ili," li skribis, "malofte iras eksterlanden, sed ĉiam restas en siaj domoj kaj prizorgas sian komercon en la urbo. Tial ili ne tre estimas alilandanojn, sed rikanas kaj ridas pri ili." (Feliĉe Londono en la jaro 1938 estas multe pli gastama!)

## Du Katastrofoj

Post terura fajro en 1212 la aŭtoritatoj diversmaniere — sed plejparte vane — klopodis forigi tiun konstantan minacon; dum la somero, ekzemple, devis stari barelo da akvo antaŭ ĉiu domo. Oni instigis ankaŭ al la uzado de ŝtono anstataŭ ligno kiel konstrumaterialo. Unu el la ĉefaj malfacilaĵoj, kiuj ekzistis okaze de fajro, estis la manko de akvo, kaj tiu sama fakto, plus terura malpureco de la stratoj, domoj, kaj homoj mem, faris pestojn kaj malsanojn neeviteblaj. Ĉe la riveretoj, ekzemple, estis kutime forĵeti sian rubaĵon kaj kolekti trinkakvon en la sama loko. . . .

Londono tial tre suferis pro la *Nigra Morto* (pesto, kiu venis al Eŭropo de Ĉinujo en la mezo de la 14a jarcento), sed estis en la 17a jarcento—tiu plej drama el ĉiuj epokoj por Londono—kiam la urbo tiurilate efektive suferegis. En la jaro 1603 estis 33,000 mortoj pro pesto, en 1625 40,000. En 1665 venis la zenito: la somero de tiu jaro estis neordinare varma, malbona aŭguro, kaj tuj poste ekfuriozis la Granda Pesto. La plej multaj loĝantoj, kiuj povis, forkuris de la urbo, sed el tiuj, kiuj restis, 110,000 mortis—el suma loĝantaro de duonmiliono.

Katastrofon sekvis katastrofo. En la posta jaro la jam sufiĉe suferintan urbon trafis nova teruraĵo—fajro. La Granda Fajro, tiel oni nomas ĝin, komenciĝis en domo proksime al London Bridge kaj dum kvar tagoj transrampis preskaŭ la tutan urbon. En ĉi tiu infera teruraĵo forbrulis 400 stratoj, 13,000 domoj, la katedralo, kaj 87 aliaj preĝejoj. Estas ironie, ke la ponto mem evitis la flamojn.

## Rekonstruo

Pro diversaj kaŭzoj, la nova Londono, kiun oni tuj komencis konstrui, devis plimalpli sekvi la formon de la malnova, kaj tio devas havi apartan intereson por ni, ĉar ĝi signifas, ke nuntempe rilate al la City la formo de la plej multaj stratoj restas sama kiel dum tiuj multaj jarcentoj antaŭ la Granda Fajro.

Ĉefan rolon en la rekonstruado ludis la genia arkitekto Sir Christopher Wren. Estas li, kiu rekonstruis la katedralon kaj 51 aliajn preĝejojn kaj ankaŭ li konstruis la *Monument*—altan kolonon, kiu staras por memorigi la teruran fajron de 1666. Kiam oni rigardas tiun kolonon, estas interese memori, ke ĝi staras sur la alvojo de la antaŭa London Bridge; la nuna ponto kun tiu nomo estas iomete pli okcidente.

## Pliaj Pontoj

Ni vidis kiel London Bridge estis tre multe uzata, kaj pro la troa trafiko sur ĝi, oni ĉirkaŭ la fino de la dek-sepa jarcento agitis por dua ponto super la rivero, sed la projekto malsukcesis pro akra protestado de granda nombro da loĝantoj, kiuj ial opiniis, ke dua ponto ruinigus la urbon! Sed fine en 1739 la opozicio estis venkita kaj oni komencis konstrui *Westminster Bridge*. Tiu, tamen, ne ekzistis longe, kaj la nunan ponton kun tiu nomo oni malfermis en 1862. Ĉe unu fino staras impona artaĵo, statuo de la brita reĝino Boudicca, pri kiu ni legis en la unua artikolo. Dum la 18a kaj 19a jarcentoj multaj pliaj pontoj aperis, el kiuj plej menciinda estas la bela *Tower Bridge*, nia kongresa simbolo. Malgrandaj ŝipoj pasas sub ĝi tute facile, sed por la pli grandaj oni levas en du partoj la trafikan vojon, kaj alte super tiu vojo

estas du pasejoj por piedirantoj, nun bedaŭrinde ne plu uzataj.

### Trafika Problemo

La 19a jarcento estis epoko multe pli progresema ol iu antaŭe, precipe rilate al transporto. Kompreneble, kiel ĉiam en la monda historio, iniciatis tiun progreson nur tre malmultaj pensemaj pioniroj. Unue ili devis suferi konstantan opozicion, ridindigon kaj kalumnion. La "frenezuloj," kiuj volis enkonduki en Londonon la unuan fervojon, kaj iom poste la unuan subteran fervojon, la unuan subriveran tunelon, la unuan omnibuson—ĉiuj, senescepte, devis toleri teruran mokadon, foje dum jaroj, sed finfine ili venkis kaj poste rikoltis publikan aklamon. Ĉar ni Esperantistoj kutime havas kunsenton por pioniroj, eble ni trovos interesaj kelkajn sciigojn pri la "frenezulo," kiu elpensis la unuan subteran fervojon en Londono.

Nuntempe la Londonanoj imagas, ke ilia trafika problemo estas malfacilaĵo, kiu aperis nur dum la lastaj jaroj, sed efektive antaŭ okdek jaroj ĝi jam estis sufiĉe grava problemo—kaj kiam fervojoj komencis eniri la urbon en 1836, preskaŭ tuj la stratoj fariĝis tute plenplenaj de ĉiaj veturiloj, grandaj kaj malgrandaj, kaj precipe de piedirantoj. La fervojoj alportis amasojn da vizitantoj el la eksteraj regionoj, kaj ĉiam ĉirkaŭ tagmezo oni apenaŭ povis moviĝi sur la stratoj. Iu Londonano, Charles Pearson, multe pensis pri la problemo kaj fine decidis, ke la sola praktika solvo estus konstrui ian fervojon sub la tero.

Ni povas esti tute certaj, ke kiam s-ro Pearson sciigis sian projekton, ĝi ridigis la popolon. Li tamen persiste klopodis trovi subtenon por la ideo, sed kun malsukceso. Lia propono fariĝis publika ŝercego. Ĉiu mokis lin. En teatroj la projekto estis la plej ŝatata ŝerctemo, kaj oni kantis kun entuziasmo popularan kanton: "Ni iru sub la teron." Sed ne nur ŝercojn nia pioniro kaŭzis—ĉe pli seriozaj sferoj troviĝis ega konsterno! Ekleziuloj nomis Pearson la diablo, pro tio, ke li volas konduki Londonon rekte en la inferon. Ĵurnaloj kriegis kontraŭ la propono, kaj pluraj sciencistoj "pruvis", ke ĝi ĉiuokaze estas tute nefarebla. (Ni konas tiajn klerulojn—ili ankoraŭ abundas).

### Sukceso

Tamen, bezono estas nekontraŭstarebla forto. La bezono por ia rimedo por iom liberigi la stratojn de la ĉiam kreskanta trafiko daŭre fariĝis pli kaj pli necesega, kaj fine la aŭtoritatoj komencis serioze pripensi la ideon de Pearson. Sukceso venis al la kuraĝa pioniro. En 1853 la Parlamento donis permeson por la konstruo de subtera fervojo de Farringdon Street al Paddington (do, tiu sekcio, kiu preterpasas plej proksime al la kongresejo,) kaj en 1854 oni fondis la North Metropolitan Railway Company. Ses jarojn poste la laboro komenciĝis. Ankoraŭ daŭris opozicio kaj krom tio la konstruaj malfacilaĵoj estis teruraj. Fine en 1863 la nova fervojo estis malfermata al la publiko, kaj tuj ĝi estis grandega sukceso—efektive en sia unua jaro ĝi portis dek milionojn da pasaĝeroj! Nun la subteraj fervojoj de Londono portas ĉiutage pli ol unu milionon da pasaĝeroj, kaj oni forgesis jam antaŭ longe pri "la frenezulo, kiu volas krevigi ĉiun konstruaĵon en la urbo."

### Okcidento—Oriento

Jam en la 16a jarcento estis evidenta diferenco inter la okcidenta kaj orienta flankoj de la urbo. La riĉaj Londonanoj migris okcidenten kaj lasis la pli malriĉajn en la oriento, kaj tiu tendenco daŭris ĉiam pli akre ĝis la nuna tempo. Okcidente de la *City* troviĝas la eleganta kvartalo kun belaj stratoj kaj luksaj domegoj kaj hoteloj, dum oriente, malgraŭ klopodoj de la aŭtoritatoj plibonigi la situacion per rekonstruado, reloĝigo, k.t.p., ankoraŭ miloj da homoj loĝas, vivas, en aĉaj cirkonstancoj. La turistoj ne tro ignoru la mizerajn stratojn, la malbone nutritajn bubojn de la *East End*, kiam ili admiras la grandiozajn belaĵojn en aliaj partoj de Londono.

### Dumil Jaroj

Do nun ni devas fini nian ekrigardon al la dumiljara historio de la brita ĉefurbo. Ekrigardo ĝi efektive estis; ni povis nur kvazaŭ ŝvebi super tiuj dudek jarcentoj, por de tempo al tempo ekpreni iun okazon, iun fakton, kiu eble spegulos iom la evoluadon de London. Ni komencis rigardi ĝin kiel etan vilaĝon; ni vidis ĝin kreski, kreskadi al la plej granda urbo en la mondo. Kaj ankoraŭ progresas tiu terura kreskado—fakto, kiu kaŭzas ĉe iuj homoj la opinion, ke iam en la ne malproksimega estonto la tuta Anglujo estos . . . Londono!

Dum la dumil jaroj ĉio ŝanĝiĝis, senĉese aliformiĝis, evoluis kaj progresis—sed ne, unu afero *ne* ŝanĝiĝis, ĝi estas malfacilaĵo, kiun la genio de la dudeka jarcento ne povas solvi—ankoraŭ ĝenas Londonon la eterna trafika problemo!




# KONGRESA BULTENO

No. 5 MAJO 1938

## OFICIALA INFORMILO

**NI PETAS, KE ĈIU KONGRESANO ATENTE LEGU ĈI TIUN MONATAN BULTENON POR EVITI EVENTUALAJN MALFACILAĴOJN**

**Kotizoj.**—De nun la kongreskotizo estas £1–10–0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas po 15 ŝil. Pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Loĝejoj kaj Ekskursoj.**—Mendiloj estas jam senditaj al kongresanoj, kaj pliaj ekzempleroj estas haveblaj ĉe la kongres-oficejo. La komitato ne povas garantii loĝadon aŭ partoprenon en ekskurso al kongresano, kiu ne plenumas la kondiĉojn.

**Programo.**—La provizora programo jam aperis, kaj ni esperas sendi la kongreslibron al kongresanoj en junio. La jenaj novaj sciigoj, tamen, sendube interesos la legantojn :

*Dimanĉo.*—Multaj restoracioj en Londono estas fermitaj dimanĉe. Ni tial aranĝis komunan tagmanĝon por mil kongresanoj en *Lyons' Oxford Corner House*, tuj kontraŭ la *Dominion Theatre*, kie okazos la Solena Inaŭguro. La kosto estos 2ŝ. 6p., kaj biletoj estos haveblaj en la kongresejo tuj post via alveno en Londono. La ceteraj kongresanoj povos tagmanĝi en aliaj restoracioj sufiĉe proksime.

*La Diservo* okazos en *The City Temple*, granda preĝejo atingebla en dek minutoj de la restoracio supre-menciita. La Diservon kondukos Pastro W. H. Downes, bone konata kaj sperta angla samideano.

*La Teatraĵo* okazos lunde kaj marde en la *Scala Theatre*, Charlotte Street, W.1, tute proksime al la kongresejo. Ĝi estos komedio : *Eliza Restas*, kiun prezentos la *Neilson-Terry Guild of Dramatic Art*, kies membroj nun kun aparta sukceso lernas Esperanton en Cseh-metoda kurso de f-ino Saxl. Duono de la kongresanoj ĉeestos la teatraĵon lunde, kaj duono marde. Je tiuj du tagoj, la kongresanoj, kiuj ne estos en la teatro, povos ĉeesti filmprezentadon en la kongresejo.

*Balo.*—La kongresa balo okazos ĵaŭdon en *Alexandra Palace*, kelkajn kilometrojn norde de la centro. Specialaj vagonaroj portos la kongresanojn al kaj de la balsalono. Bonvolu laŭeble kunporti nacian kostumon !

*Vendredon vespere* okazos nova aranĝo, kiu, ni opinias, plaĉos al la kongresanoj. En la *Central Hall*, Westminster,—unu el la plej grandaj koncertejoj en Londono—aro da tre lertaj infanoj el la Nacia Hejmaro kaj Orfejo por Infanoj prezentos al la kongresanoj allogan programon de kantoj, dancoj, kant-teatraĵetoj, korp-ekzercoj k.t.p.

**Fakaj Kunsidoj** estas aranĝitaj por Skoltoj, Bahaanoj, T.A.G.E., Katolikoj, Kvakeroj, la Unuigita Komitato por Impostoj laŭ la Valoro de la Tero, I.S.A.E., Komerco, K.E.L.I., Turismo, Aviado.

La kunsido aranĝata de la Kvakeroj estos granda kunveno sub la titolo "La Nuna Mondstato : Kiel Povas Esperanto Hodiaŭ Plej Bone Helpi al Mondfrateco kaj Internacia Paco." Inter la parolantoj estos D-ro Edmond Privat.

**Karavanoj.**—Krom la jam anoncitaj, oni aranĝas la jenajn karavanojn :

*Italujo :* Itala Esperanto - Federacio, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.

*Nederlando :* J. Telling, Schietbaanlaan 106a, Rotterdam.

**Membraro.**—Ĝis hodiaŭ (8–4–1938) aliĝis al la kongreso 1235 el 26 landoj.

**Blindula Kaso.**—La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi al blinduloj partoprenadon en la kongreso. Jam ricevita : £32–6–2.

F-ino E. Ashby, 118, Selly Park Road, Selly Park, Birmingham, Anglujo, organizas budon en la kongresejo, kie ŝi vendos diversajn objektojn por helpi al la Blindula Kaso. Tiuj, kiuj havas, aŭ povos pretigi taŭgajn aĵojn por tiu celo, estas petataj skribi al f-ino Ashby.

**Donacoj al la Kongresa Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la kongreso. Donacoj jam ricevitaj : £21–12–6.

**Presaĵoj.**—En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkulerojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post *antaŭa* aprobo de la kongresa komitato.

**Dokumentaro.**—La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj ; tio estas, ili devos ricevi la *antaŭan* aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Adreso por leteroj.**—Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

*Por la Organiza Komitato,*
CECIL C. GOLDSMITH,
*Sekretario.*

**LA BELAJ KONGRES - GLUMARKOJ**
estas ankoraŭ haveblaj ĉe la kongres-oficejo po 6 pencoj aŭ 2 internaciaj respondkuponoj por 50.

Poŝtkartoj de la Kongresejo estas haveblaj po 3 por unu penco, plus afranko, aŭ 12 por du respondkuponoj, afrankite.

**LISTO DE KONGRESANOJ**

1025. S-ino Goodliffe, Nottingham, Anglujo.
1026. J. A. Chattaway, St. Helens, Anglujo.
1027. C. M. Hamaker, Hilversum, Nederlando.
1028. S-ino C. M. H. Hamaker, Hilversum, Nederlando (mortis).
1029. F-ino W. M. Warman, London, Anglujo.
1030. E. J. Bengough, Hamilton, Kanado.
1031. S-ino G. R. Bengough, Hamilton, Kanado.
1032. J. Haxton, St. Andrews, Skotlando.
1033. S-ino Haxton, St. Andrews, Skotlando.
1034. C. G. Dixon, Whitehaven, Anglujo.
1035. F. E. Knight, Ashford, Anglujo.
1036. S-ino W. M. Rixham, Newcastle-on-Tyne, Anglujo.
1037. F-ino E. Parkinson, Accrington, Anglujo.
1038. R. R. Green, London, Anglujo.
1039. G. D. Nash, Slaugham Green, Anglujo.
1040. S-ino Nash, Slaugham Green, Anglujo.
1041. F-ino C. Sawyer, Birmingham, Anglujo.
1042. G. R. Binks, Burnley, Anglujo.
1043. W. Kent, Paisley, Skotlando.
1044. S-ino L. Kent, Paisley, Skotlando.
1045. R. Anderson, Breaston, Anglujo.
1046. F-ino G. Bingham, London, Anglujo.
1047. K. J. Young, Amersham, Anglujo.
1048. F-ino M. Madsen, Holbaek, Danujo.
1049. F-ino S. I. North, Birmingham, Anglujo.
1050. A. Edmondson, Bingley, Anglujo.
1051. S-ino E. Edmondson, Bingley, Anglujo.
1052. H. Thilander, Stocksund, Svedujo.
1053. S-ino V. Thilander, Stocksund, Svedujo.
1054. F-ino I. Halen, Tomteboda, Svedujo.
1055. S-ino C. P. van Ulden, Haarlem, Nederlando.
1056. G. A. van Ulden, Haarlem, Nederlando.
1057. M. Blake, New Barnet, Anglujo.
1058. F-ino F. Ångren, Ångby, Svedujo.
1059. D-ro A. T. Horton, London, Anglujo.
1060. S-ino E. E. Pengilly, Brighton, Anglujo.
1061. F-ino O. Morey, Portsmouth, Anglujo.
1062. F-ino L. M. Samphire, Portsmouth, Anglujo.
1063. Kapitano C. Nicholson, Mobberley, Anglujo.
1064. F. C. Clewlow, Birmingham, Anglujo.
1065. F-ino W. E. V. Clark, Wellingborough, Anglujo.
1066. F-ino C. Arnold, Wellingborough, Anglujo.
1067. F-ino E. Tildesley, Portsmouth, Anglujo.
1068. W. Thistlethwaite, Harrogate, Anglujo.
1069. J. Tomčik, Bystrice pod Host., Ĉeĥoslovakujo.
1070. G. H. McCluskey, Whitehaven, Anglujo.
1071. S-ino E. Davis, London, Anglujo.
1072. L. Berg, Sauda, Norvegujo.
1073. E. S. Hanks, Melbourne, Aŭstralio.
1074. S-ino Hanks, Melbourne, Aŭstralio.
1075. F-ino M. G. Astley, Birmingham, Anglujo.
1076. S-ino J. Arnold, Bruxelles, Belgujo.
1077. S-ino B. E. Gething, Luton, Anglujo.
1078. F-ino J. Gething, Luton, Anglujo.
1079. S. Pugmire, Liverpool, Anglujo.
1080. F-ino H. Steele, Southport, Anglujo.
1081. J. L. Ford, London, Anglujo.
1082. R. Wilson, Ellesmere Port, Anglujo.
1083. J. E. Melville, Ellesmere Port, Anglujo.
1084. F. Wechsler, London, Anglujo.
1085. C. A. Oswell, Nottingham, Anglujo.
1086. J. W. Blair, Paisley, Skotlando.
1087. Kol. G. S. Robinson, Eastbourne, Anglujo.
1088. L. Shipp, Southport, Anglujo.
1089. J. F. Clayton, London, Anglujo.
1090. F-ino G. M. Taylor, Oxford, Anglujo.
1091. J. B. Horne, Glasgow, Skotlando.
1092. F-ino E. Rake, Banbury, Anglujo.
1093. J. A. Briscoe, London, Anglujo.
1094. S-ino W. L. Briscoe, London, Anglujo.
1095. S-ino J. Kirkup, Newcastle, Anglujo.
1096. C. Bornstein, London, Anglujo.
1097. F-ino M. Greaves, Gateshead, Anglujo.
1098. F-ino M. Bainbridge, Newcastle, Anglujo.
1099. F-ino A. Konopová, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
1100. G. C. Jervis, Redditch, Anglujo.
1101. F-ino G. Jongbloed, Arnhem, Nederlando.
1102. J. Telling, Rotterdam, Nederlando.
1103. S-ino J. P. Willeumier-Vogel, 's Gravenhage, Nederlando.
1104. G. H. H. van Zeyl, Jr., Arnhem, Nederlando.
1105. F-ino M. C. Oudenaarden, Rotterdam, Nederlando.
1106. F-ino R. A. Sales, London, Anglujo.
1107. H. Blakey, Leeds, Anglujo.
1108. S-ino M. O'B. Harris, London, Anglujo.
1109. F-ino E. F. Boocock, Bradford, Anglujo.
1110. F-ino H. Morton, East Orange, Usono.
1111. F-ino A. H. Lapidge, Richmond Hill, Usono.
1112. F-ino C. H. Teichmann, Brooklyn, Usono.
1113. F-ino A. L. Ziener, New York City, Usono.
1114. R. T. B. Kelly, New York City, Usono.
1115. H. F. Woolgar, Basingstoke, Anglujo.
1116. S-ino C. Ellison, Birmingham, Anglujo.
1117. S-ino G. Hoyle, Halifax, Anglujo.
1118. F-ino A. B. Berry, Newcastle-on-Tyne, Anglujo.
1119. E. J. Parkes, Willenhall, Anglujo.
1120. S-ino N. H. Cummin, Dagenham, Anglujo.
1121. J. Turner, Hastings, Anglujo.
1122. F-ino I. Burrows, Nottingham, Anglujo.
1123. F-ino R. Hood, Hartlepool, Anglujo.
1124. F-ino A. C. Chambers, Hartlepool, Anglujo.
1125. F-ino E. Moorcroft, Bingley, Anglujo.
1126. S-ino E. Wright, Gateshead-on-Tyne, Anglujo.
1127. F-ino H. E. Bone, West Wickham, Anglujo.
1128. F-ino E. M. Bone, West Wickham, Anglujo.
1129. W. Brown, Inglewhite, Anglujo.

1130. S-ino Brown, Inglewhite, Anglujo.
1131. S-ino M. Faulkner, Calgary, Kanado.
1132. F-ino A. Hurley, Burnley, Anglujo.
1133. L. V. Young, Birmingham, Anglujo.
1134. F-ino N. M. Dicks, Nottingham, Anglujo.
1135. F-ino J. Mackenzie, Musselburgh, Skotlando.
1136. F-ino B. M. Barker, Walton-on-Thames, Anglujo.
1137. S. H. Taylor, London, Anglujo.
1138. S-ino K. Taylor, London, Anglujo.
1139. F-ino E. H. Page, London, Anglujo.
1140. E. K. Osmotherly, London, Anglujo.
1141. F-ino M. de Jong, Rotterdam, Nederlando.
1142. D-ro P. Allocchio, Milano, Italujo.
1143. G. Facchi, Brescia, Italujo.
1144. I. Gilbert de Winckels, Verona, Italujo.
1145. S-ino I. Arnaboldi ved. Guzzi, Milano, Italujo.
1146. F-ino D. E. Newington, London, Anglujo.
1147. F-ino E. M. Taskinen, Helsinki, Finnlando.
1148. F-ino L. Kurtto, Helsinki, Finnlando.
1149. F-ino A.-L. Salminen, Helsinki, Finnlando.
1150. S-ino N. Allen, London, Anglujo.
1151. W. Wilkins, London, Anglujo.
1152. W. C. May, Southwick, Anglujo.
1153. S-ino R. May, Southwick, Anglujo
1154. A. G. Steeves, Ledsham, Anglujo.
1155. S-ino C. de Z. Steeves, Ledsham, Anglujo.
1156. F-ino D. Vickers, Sheffield, Anglujo.
1157. F-ino J. McGregor, Glasgow, Skotlando.
1158. F-ino W. Young, London, Anglujo.
1159. F-ino M. Upton, Leeds, Anglujo.
1160. F. Tanner, Stokenchurch, Anglujo.
1161. V. Smith, Cardiff, Kimrujo.
1162. F-ino L. Smith, London, Anglujo.
1163. E. Rosson, Watford, Anglujo.
1164. F-ino J. Hewlett, Pontypool, Anglujo.
1165. F-ino K. O. Gadd, London, Anglujo.
1166. R. Fielding, London, Anglujo.
1167. T. Fairbrass, Macclesfield, Anglujo.
1168. F-ino M. Easter, London, Anglujo.
1169. R. Cottingham, Leicester, Anglujo.
1170. F-ino M. Bedwell, London, Anglujo.
1171. F-ino A. M. Vernall, London, Anglujo.
1172. S-ino C. D. Gallifant, Llanelly, Kimrujo.
1173. E. M. Preston, Bristol, Anglujo.
1174. H. G. Toms, Dagenham, Anglujo.
1175. R. Murray, Thorpe Bay, Anglujo.
1176. E. J. Brierley, Bristol, Anglujo.
1177. F-ino E. B. Smith, Cambersiang, Skotlando.
1178. C. Veness, Ilford, Anglujo.
1179. W. J. R. Jolley, Romford, Anglujo.
1180. F-ino G. Flood, Reading, Anglujo.
1181. T. E. Howard, Enfield West, Anglujo.
1182. F-ino E. Snaith, North Shields, Anglujo.
1183. F-ino P. C. Sinclair, Buckhaven, Anglujo.
1184. J. G. Teare, Liverpool, Anglujo.
1185. W. Wallis, Stoke-on-Trent, Anglujo.
1186. M. E. Appleby, Grantham, Anglujo.
1187. F-ino C. I. Simpson, Ilkeston, Anglujo.
1188. H. R. Dutton, St. Helens, Anglujo.
1189. J. P. W. Murray, Barnton, Skotlando.
1190. S-ino A. E. Murray, Barnton, Skotlando.
1191. W. T. Allen, Reading, Anglujo.
1192. G. B. Tordoff, Bristol, Anglujo.
1193. C. T. Dack, Leigh, Anglujo.
1194. E. M. van Gelder, 's Gravenhage, Nederlando.
1195. F-ino A. H. E. van Vliet, Alphen a.d. Rijn, Nederlando.
1196. F-ino F. P. Termaat, Delft, Nederlando.
1197. G. Larglantier, Cachan, Francujo.
1198. F-ino T. Hewes, Leicester, Anglujo.
1199. F-ino P. W. Worden, Bishop Auckland, Anglujo.
1200. M. Stuttard, Blackpool, Anglujo.
1201. S-ino M. Stuttard, Blackpool, Anglujo.
1202. F-ino L. Childs, Surbiton, Anglujo.
1203. S-ino D. Haig, Gateshead, Anglujo.
1204. G. Shepherd, Newcastle, Anglujo.
1205. O. A. W. Dilke, Cambridge, Anglujo.
1206. W. J. Nijveld, Amsterdam, Nederlando.
1207. A. Hansen, Kristiansand, Norvegujo.
1208. F-ino M. Pedersen, Kristiansand, Norvegujo.
1209. G. Hansen, Kristiansand, Norvegujo.
1210. F-ino M. Hansen, Kristiansand, Norvegujo.
1211. E. Larsson, Stockholm, Svedujo.
1212. F-ino E. Bohlin, Stockholm, Svedujo.
1213. E. A. Fredin, Malmö, Svedujo.
1214. A. G. H. Arvidson, Växjö, Svedujo.
1215. S-ino L. N. Glemminger, Malmö, Svedujo.
1216. F-ino H. M. Hansson, Malmö, Svedujo.
1217. F-ino G. Rådig, Stockholm, Svedujo.
1218. S. Wiklund, Stockholm, Svedujo.
1219. S-ino L. Reigneau, Paris, Francujo.
1220. M. Arinal, Rouen, Francujo.
1221. F-ino C. Lemesle, Le Havre, Francujo.
1222. F-ino Toogood, Bristol, Anglujo.
1223. A. P. Schild, Basel, Svislando.
1224. F-ino A. Morrison, Glasgow, Skotlando.
1225. F-ino B. Leopold, Arnhem, Nederlando.
1226. F. Ferradini, Milano, Italujo.
1227. H. Nilsson, Malmö, Svedujo.
1228. A. Andersson, Malmö, Svedujo.
1229. F-ino J. Johanson, Stockholm, Svedujo.
1230. A. E. Andersson, Nossebro, Svedujo.
1231. E. Hellmuth, Nossebro, Svedujo.
1232. S. Segelson, Radmansö, Svedujo.
1233. F-ino N. Thörnberg, Stockholm, Svedujo.
1234. F-ino I. Joelsson, Stockholm, Svedujo.
1235. B. Joelsson, Stockholm, Svedujo.
1236. H. M. Thomas, London, Anglujo.
1237. S. J. Bruce, Sheffield, Anglujo.
1238. F-ino A. M. van der Graaf, Rotterdam, Nederlando.
1239. F-ino E. Waller, London, Anglujo.
1240. F-ino R. L. Heath, London, Anglujo.
1241. F-ino M. Johnsson, Malmköping, Svedujo.
1242. E. Ekström, Göteborg, Svedujo.
1243. S-ino L. Ekström, Göteborg, Svedujo.
1244. F-ino K. C. Wagenaar, Almelo, Nederlando.
1245. F-ino I. M. Romanowna, Warszawa, Polujo.
1246. F-ino C. M. Scheffelaar, 's Gravenhage, Nederlando.
1247. F-ino M. Herman, St. Niklaas, Belgujo.
1248. A. Jansson, Göteborg, Svedujo.
1249. F-ino S. Jansson, Lidingö, Svedujo.
1250. F-ino E. Kraay, Den Haag, Nederlando.

**Laŭlanda Statistiko de la Aliĝintoj** :—Anglujo, 768; Aŭstralio, 2; Aŭstrujo, 3; Belgujo, 41; Brazilo, 3; Ĉeĥoslovakujo, 19; Danujo, 7; Egiptujo, 3; Finnlando, 6; Francujo, 87; Germanujo, 4; Hispanujo, 2; Hungarujo, 1; Irlando, 2; Italujo, 14; Jugoslavujo, 1; Kanado, 4; Kimrujo, 10; Nederlando, 65; Norvegujo, 20; Polujo, 13; Rumanujo, 1; Skotlando, 63; Svedujo, 74; Svislando, 5; Usono, 13. Entute 1231 el 26 landoj.

---

## NIAJ PLENDO-KONKURSO

Ni memorigas niajn legantojn, ke manuskriptoj por ĉi tiu konkurso—plendoj pri antaŭaj kongresoj kun proponoj por evito de malagrablaĵoj ĉi-jare—devas atingi la oficejon de B.E.A. antaŭ la 1a de junio. Maksimuma longeco 300 vortoj.

# THE ARTICLES OF ASSOCIATION

As announced in another column, there will be an Extraordinary General Meeting of the B.E.A. immediately after the Annual General Meeting on June 5th, for the purpose of considering certain alterations in the Articles of Association. The actual proposals are set out under the formal notice of the Meeting, but it is desirable to offer a brief summary of their objects and significance as a guide to the members voting at the Meeting.

*Resolutions* 1 *and* 2 aim at limiting the right of Affiliated Groups to have Delegate Councillors to those Groups which contain ten (or more) Corporate Members of the Association. The Council feel that as the great need of the B.E.A. at present is for a larger membership, it is not logical to continue to give direct representation to small bodies consisting mainly of non-members ; and they think that a restriction of the privilege in the way suggested will meet with general approval among the membership itself. Other groups will still be indirectly represented through their local Federations.

*Resolution* 3 aims at increasing the direct representation of the Corporate Members as such, by increasing the number of elected Councillors from twelve to eighteen. It is felt that in so large a body as the B.E.A. Council it is not unreasonable to have eighteen Ordinary Councillors to represent the subscribing members of the Association.

*Resolution* 4 removes the stipulation that a Federation Committee must of necessity contain the Group Delegate Councillors in the Federation area. One or two Federations have asked for the removal of this rule and the Council see no objection to its cancellation.

*Resolution* 5 is intended to facilitate work at the Office by reverting to the old rule by which all membership subscriptions fall due at the beginning of each year. It has been found that no particular advantage is gained by the present quarterly system and it causes unnecessary trouble to the Office. It will be seen that it is proposed to arrange that new members joining after June 30th in any year need only pay half a year's subscription for the remainder of that year.

*Resolution* 6 is a corollary to Resolution 5 and merely re-introduces a clause cut out under that Resolution.

*Resolution* 7 is intended only to regularise the present system under which non-subscribing Members, Groups and Federations may be removed from the Register.

BERNARD LONG,
*Hon. Secretary.*

---

# London Prepares

### Congress Patrons

Latest additions to the list of Patrons for the Universal Congress to be held at University College from July 30th to August 6th this year are His Worship the Mayor of St. Pancras—the borough in which the College is situated—, Dame Marie Tempest, Professor C. B. Fawcett. and Sir Walter Layton.

### Another Selfridge Class

Inspired by the success of the day-time classes, 48 further employees of Selfridge's Stores have enrolled in a new Esperanto class conducted on two evenings weekly by Miss Margarete Saxl.

# Our Bookshelf

**Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given. Postage extra.**

***La Strato de Fiŝanta Kato.**—*Jolanta Földes. El la hungara tradukis Ladislao Halka kaj Ladislao Spierer. Eldonis "Literatura Mondo," Budapest.* 268 *pp. broŝ.* 4ŝ. 6p., *bind.* 5ŝ. 6p.

Ni kore bonvenigas ĉi tiun Esperantan eldonon de la konata verko de J. Földes. La verko, kiu jam gajnis grandan literaturan premion, kaj aperis en pli ol dek lingvoj, rakontas pri la vivo de homoj, kiuj post la mondmilito sin trovas pelitaj for de la hejmo pro kaŭzoj ekonomiaj aŭ politikaj. Plejparte ĝi estas malgaja: tamen tio estas neevitebla, ĉar la vivo de senhejmuloj en la postmilitaj jaroj ne estis afero facila. La kompatinduloj priskribitaj en la libro loĝas dum multaj jaroj en fremda lando, sed du el ili revenas al la patrolando. Tamen, eĉ tie ili sin sentas ankoraŭ fremduloj, kaj tio estas la vera tragedio de la verko.

La traduko ja estas tre lerta, kaj oni ne povas ne admiri ĝian fluan kaj vivan lingvuzon. Oni legas la verkon kun vera plezuro. Unu el la kunlaborintoj estas la tradukinto de *La Knaboj de Paŭlostrato*, ĵus eldonita por la "Epoko" Libro-Klubo.

Tamen, eĉ en libro tiel bona oni trovas bedaŭrindaĵojn. La plej serioza, miaopinie, estas la uzo de *Francio, Hungario*, k.s., kontraŭ la konsilo de Zamenhof kaj de la L.K. (Oni trovas ankaŭ la ĝustajn formojn *Francujo* kaj *Svisujo* en la libro, sed malofte).

Interesa estas la uzo de *emigri* anstataŭ *elmigri*. Ambaŭ formoj troviĝas en *Millidge*, sed P.V. donas nur *elmigri*, kiu ŝajnas al mi la sola konsilinda. Oni povas malseveri pri la multaj neologismoj en la verko, plejparte troveblaj en *Parnasa Gvidlibro*, sed la uzo de *girloj* (chorus girls) ne estas bona. Mi ja scias, ke en Parizaj muzikhaloj oni parolas pri *les girls ;* tamen mi ne ĝojas pri la enkonduko en nian lingvon de angla vorto kun neangla signifo. Simile ne plaĉas *smokingo* (dinner-jacket).

Restas loko por nur kelkaj mallongaj notoj. Mi ne komprenas *vertigra vizaĝo* (p. 112 kaj aliloke) ; *disde* (115) estas formo dube necesa ; *desur* (122) certe devus esti *de sur*, kaj *po du paŝojn* (13) devus esti *po du paŝoj*. Jen, ĉe propra nomo, la tradukintoj uzas akuzativan *-n* kun streketo, jen sen streketo ; jen (ĉe sama nomo) ili tute forlasas akuzativon, kaj pro tio kelkafoje la signifo eĉ fariĝas neklara. Pli bone, laŭ Zamenhofa ekzemplo, uzi la akuzativon (*n* aŭ *on*) tute regule. E. GARDINER.

**Jarlibro de la Internacia Esperanto-Ligo 1938.** — *Eldonita de IEL, Heronsgate, Rickmansworth. Nur por individuaj membroj de la Ligo (membroj de B.E.A. vidu anoncon en paĝo* 295). 350 *pp., broŝurita.*

Jen la dua Jarlibro de IEL, kaj ĝi bone konservas la normon starigitan per la unua, en la pasinta jaro. La individuaj membroj ĉi tiun jaron certe ricevos la valoron de la plua kotizo pagita, ĉar la libro estas multe pli dika ol tiu de 1937, kaj plene pakita per utilaj informoj.

La esenca parto de la Jarlibro, nome, la adresaro, enhavas la adresojn de delegitoj kaj grupoj en proksimume 1400 lokoj en 61 landoj. Tiu parto, tamen, okupas nur la trionon de la libro, kiu enhavas interalie detalajn informojn pri ĉiu oficiala institucio en nia movado ; landajn raportojn pri la pasinta jaro, raporton pri la Jubilea Kongreso en Varsovio, la Statuton de IEL, kaj interesajn statistikojn pri la kresko kaj nuna stato de la Ligo. Aparte valora estas detala kompilaĵo de estrarano Hugo Steiner : *Ĝisnunaj Sukcesoj en la Esperanto-movado tutmonda ;* propagandistoj trovos tiujn informojn utilegaj, ĉar ili estas dividitaj laŭ fakoj de homa agado.

Ĉiu aktiva Esperantisto devus havi ĉi tiun valoran libron ĉiam apud la mano.

F. W.

*** Steleto montras, ke libro estas havebla de B.E.A. Ceterajn librojn oni mendu rekte ĉe la adresoj donitaj. Afranko po 10% estas aldonenda.**

***La Princo kaj Betty.**—*P. G. Wodehouse. Tradukita de G. Badash. "Epoko" No. 3. Esperanto Publishing Co., Ltd.*, 185 *pp.*, 2ŝ. (*Por membroj de la "Epoko" Libro-Klubo* 1ŝ.).

Prezenti Wodehouse, aŭ rekomendi liajn verkojn, al Angla leganto, estus ja ridinde. Ĉiu lin konas kaj admiras: laŭ ĉies konsento li staras unua en la unua rango de niaj humoristoj. Oni povas do gratuli Epokon pri ĝia feliĉa penso doni al verko de Wodehouse fruan lokon en ĉi tiu bonega serio.

Kiel diras la tradukinto, la nuna rakonto estas tre frua verko de la aŭtoro. Tamen ĝi estas tute leginda, kaj en ĝi oni jam povas trovi antaŭsignojn de la genio plene floronta en liaj postaj verkoj. Estas interesa demando, ĉu oni povus kontentige traduki unu el la lastaj verkoj de Wodehouse (ekz., *The Heart of a Goof*) en iun ajn lingvon. Verŝajne ne.

La nuna rakonto celas nur distri; kaj tion, malgraŭ sia fantazieco, ĝi bone faras. Priskribon ni rezignas: se la legonto ankoraŭ ne konas la historion, ni ne forprenu lian ĝuon.

*Tri Viroj en Boato* gajnis por S-ro Badash altan reputacion, kaj la nuna libro ĝin subtenas. Legante la tradukon, oni konstatas, ke li bone kaptis la spiriton de la originalo. Krome, oni ĉie trovas kun plezuro parolturnojn kaj aliajn signojn, kiuj stampas lin kiel Esperantiston konsciencan kaj lertan, alte super la ordinara nivelo: *e.g.*, la Zamenhofa uzo de majuskloj; de *ami* (67) kaj *ŝati* (234, 139, 148); de logika tempo post *kvazaŭ*, k.s. Preseraroj preskaŭ ne ekzistas: eble *anstataŭis* (*anstataŭigis*) (18) estus unu.

Se necesas kritiki, oni povas dubi, ĉu vere povas ekzisti *duonpatro* (10). *Ies alia* = "someone's other," ne "someone else's" (89). La Londona "sycamore," mi kredas, estas pli ĝuste *platanacero*, ol *acerplatano*. Preferinda ŝajnas *inaŭgura* ol *inaŭguracia*; ankaŭ *tajpistino* ol *daktilistino* (kiu pensigas pri frukto). La pasivsenca infinitivo *lasis sin turmenti* (34), kvankam Zamenhofa kaj iom internacia, estas dubiga: turmenti *kiun*? Prefere *turmentiĝi*. Kp. *lasi ŝin diri* (59), *lasi la vivon forpasi* (34), *lasi lin studentiĝi* (33).

Al tradukinto kaj eldonejo egale sinceran gratulon. M. C. BUTLER.



***La Blanka Malsano.**—*Triakta Dramo en* 14 *bildoj. Verkita de Karel Ĉapek; tradukita de Th. Kilian; eldonita de Moraviaj Esperanto-Pioniroj.* 100 *pp., bind.* 2ŝ. 6p.

Ekzistas eldonejoj Esperantaj de tre diversaj specoj. Jen unu, ekzemple ŝajnas havi precipe poezian etoson, jen alia fakumas pri libroj por intelektaj lamuloj. La eldonejo Moraviaj Esperanto-Pioniroj precipe eldonas verkojn, kiuj indas la atenton de normale inteligentaj homoj kun intereso pri la aktuala socimondo.

La jena triakta dramo de la mondfama nuntempa ĉeĥa verkisto Karel Ĉapek, kiun oni prezentis lastatempe en Londono sub la titolo *The Power and the Glory*, estas tipa je la lastatempaj eldonaĵoj de M.E.P. kaj estas denove pruvo pri la kapablo de sia aŭtoro rilate al dramoj birdokule perceptitaj en la aktuala homara vivo.

La intrigo estas bazita sur la fantazia supozo, ke iu pacifista kuracisto, eltrovinta kuracilon por novspeca lepro rapide mortiganta la tutan homaron, rifuzas pormone aŭ porfame konigi kaj uzigi sian kuracilon, kaj konsentos kuraci la riĉulojn kaj eminentulojn de la mondo nur, se ili

konsentos forigi ĉiajn militpreparojn kaj militilojn kaj starigi pacon sur la tero.

La baza supozo estas fantazia, sed la drama ellaboro pri la utopia ĉantaĝo estas tiel realece farita, ke la leganto sentas nur la aktualecon de la karakteroj kaj la situacioj. Tiaj tipoj, oni sentas, estas de nia mondo, tiajn diktatorojn ni konas, tiajn filistrajn kuracistojn, tiajn patrojn, patrinojn, gefilojn, nur la pacifista ĉantaĝanto fantazie, utopie, prenadas ĉiam la traan fadenon alimondan. La dramo ekscite evoluas ĝis sia kulmino, kaj tuj poste la aŭtoro abrupte lasas fali la fadenon, kaj finas la dramon per sceno inda je komparo kun la talento de Swift aŭ Anatole France.

Verko egale interesa por pacifisto kaj por tiu, kiu akceptas la nunan mondon.

K. R. C. STURMER.

**Méjiko kaj Kárdenas.**—*Verkita de Jesús Amaya.* 115 *pp.*, 40 *cendoj, ĉe Editorial Lumen, Ap.* 59, *Mexico D.F.*

Ĉi tiu interesa kaj instrua verko entenas skizan historion pri Meksiko, kaj priskribon de la vivo kaj administrado de la prezidanto Kárdenas. Post la sangaj renversoj de antaŭaj reĝimoj, la aŭtoro, kiu verkis originale en Esperanto, entuziasme kaj laŭde prezentas al ni siavidpunkte la progreseman ĉefon de "la nova Meksiko." Multaj fotoj de Kárdenas ilustras la temon.

Bedaŭrinde, ke en tiom valorenhava verko svarmas gramatikaj eraroj (konstanta misuzo de akuzativo, ablativo absoluta, neuzo kaj misuzo de refleksivo) kaj lingvaj strangaĵoj. La stilo estas peza pro trouzo de sufiksoj, kaj tro longaj kunmetitaj vortoj (ekz., *hispanmastrumadjarcentoj, elaviadilmalsupreniro*).

En la hispanlingva alparolo kaj por propraj nomoj la aŭtoro uzas novan ortografion "Ofri": ekz., la konatan ribelulon *Villa* oni apenaŭ rekonas en la formo *Bija*. Mi dubas, ĉu estas saĝe, tiel intermiksi du malsamajn aferojn. J. FARRAND.

**Aventuroj de Antonio.**—*F. Omelka. Eldonejo de Malkaraj Libroj, Brno II.* 57 *pp. Broŝ.* Kč 5, *bind.* Kč 7.

Afriko vokas—eĉ al 15-jara Antonio en kampara Uherské Hradiŝtê! Ĉu la juna heroo malesperas, kiam, alveninte en Triesto, li trovas, ke la onklo, kiu invitis lin partopreni Afrikan vojaĝon, devis jam forveturi? Ne—li elspezas siajn lastajn lirojn por lin sekvi. De Tunizio trans la Saharo, nur en Timbuktu li fine atingas la onklon, sed dumtempe okazas multaj spirkaptaj aventuroj—perfidemaj araboj, sabloventego, fatamorgano—kiujn la kapabla aŭtoro, fakinstruisto en Hluk (ĈSR), bone scias rakonti. La manuskripton "zorgeme korektis" s-ro S. S. Jong (Frisa Esperanto-Instituto), kaj laŭ stila vidpunkto—ege grava en verko destinita al junaj lernantoj— ĝi estas senriproĉa. La tekston ilustris tre taŭge E. Burian. Domaĝe, ke la broŝuroj de ĉi tiu serio ĉiam disfalas post intertranĉado de la paĝoj. M. M. D.

**Jubilea Jarlibro de la Esperanto-Movado 1937** (*eldonita de UEA, Ĝenevo*). Ĉi tiun verkon ni ĵus ricevis oficiale "por recenzo." Recenzo jam aperis en nia numero de septembro 1937.

**Internacio de Militkontraŭuloj: Raporto pri la Internacia Movado 1934–1937.**—*Grace M. Beaton.* 28 *pp.*, 3p., *ĉe Internacio de Militkontraŭuloj,* 11 *Abbey Road, Enfield, Middlesex.*

Tiu, kiu volas informiĝi pri la kontraŭmilita movado, tra la tuta mondo—pri progresoj, malhelpoj, persekutoj, esperoj—trovos en ĉi tiu libreto multe da helpo kaj inspiro. Antaŭparolo de George Lansbury aldonas al ĝia valoro. Kritiketo: la Esperanta vorto *pamfleto* ne egalas la anglan vorton *pamphlet* (*broŝuro*).

Lingva demando: mi legas ĉi tie, kaj alikoke, la vorton *prezident-o* (=*holder of the presidential office*) distinge de *prezid-anto* (=*tiu, kiu efektive prezidas, ekz., kunvenon*); kp. la anglajn vortojn *President, Chairman*. Iu diris al mi, ke Zamenhof mem komence faris tian distingon, tamen tio ne estas vera. Mi tre volus scii, ĉu efektive ekzistas en la frua literaturo precedento por la formo *prezidento*.

M. C. B.

**Malgranda Katolika Katekismo.**—*Originale verkita de Sac. Jakobo Bianchini.* 48 *pp.*, 2 *liroj. Eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italujo.*

Verketo klare verkita kaj bone presita, kiu prezentas la ĉefaĵojn de la Romkatolika instruo en formo de 288 demandoj kun respondo, kaj meritas bonan akcepton.

Lingve la verko estas bona. Ni vidas konsente la vortojn *Jesuo, redempto, konfirmo, ordino, konsekro* (212) (*konsekracio*, du liniojn antaŭe, estas evidente eraro). Kial la malbela vorto *koncepciita* anst. *koncipita* (109)? Pluaj teknikaj terminoj notindaj: *krismo, mizerikordo, penitenco, sakramentaloj, veniala* (*peko*). La vortoj *domaĝo* (142) kaj *Heva* devus esti *difekto, Eva*. Ĉu, aldone al *ĉieliro*, ni bezonas ankaŭ *ascencio* (preferinda estus la jam uzata *ascendo*) kaj *asuncio*, mi ne rajtas diri.

M. C. B.

**Budaisma Fakvortareto laŭ la vortaro de Palilingvo.** *R. C. Ĉildarz. Kun informoj el Sanskrita vortaro de V. Ŝ. Apto.* 155 *pp.*, 3 *svisaj frankoj, ĉe la kompilinto, S-ro Takeuĉi Tookiĉi, Jamaŝiromaĉi, Iŝikaŭaken, Japanujo.*

Jen verko tute rimarkinda, kaj unika en nia literaturo. Longa kaj tre interesa antaŭparolo priskribas la Palian lingvon kaj ĝian rilaton kun Sanskrito kaj kun la Budaistaj sanktaj libroj. Sekvas detala kaj scienca klarigo pri proksimume 240 Budaistaj teknikaj terminoj, laŭ la Palia formo. Ekzemple, pri la preciza signifo de *Nibbânam* (*Nirvano*) estas artikolo 8000-vorta. La cetero de la libro konsistas el indekso, bibliografio, kaj aparta traktaĵo pri la sonoj kaj literoj de Sanskrito. La verko montras profundan kleron kaj aman prilaboron: la Esperanta stilo estas modela. S-ro Takeuĉi Tookiĉi nomas ĝin nur guto en la maro kaj bedaŭras ĝian neperfektecon: en tio li montras la modeston de homo vere granda.

Verŝajne ne multaj en Anglujo sentas intereson pri la temoj pritraktitaj, kaj certe treege malmultaj havas la scion necesan por plene profiti el la verko. Sed por tiu elito ĝi estas trezoro netakseble valora.

M. C. B.

**Darmoradoturna Sutro kaj aliaj.**—18 *pp.*, *unu respondkupono, ĉe Rondeto de Budaisma Kulturo, Jamaŝiromaĉi, Iŝikaŭaken, Japanujo.*

Traduko de gravaj Budaismaj dokumentoj: Adoro: Tri rifuĝoj; Kvin abstinaj ĵuroj; Darmoradoturna sutro; kun noto pri la Palia lingvo, kaj Budaisma terminaro.




Radio-Sekretario: E. D. DURRANT, 263a, King's Court, Alexandra Ave., Harrow, Middx.

## ESPERANTA RADIOPROGRAMO—MAJO 1938

| | Tago kaj Dato. | Horo (BST). | Stacio. | Ondlongo Metroj. | Potenco Kv. | Programo. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Dimanĉo:** | 1, 8, 15, 22, 29 | 00.30 | Barcelona | 377 | 7.5 | P. |
| | | | | 41 | — | P. |
| | 1, 8, 15, 22, 29 | 09.10–09.25 | Kortrijk | 204 | .1 | P. |
| | 8, 22 | 15.00–15.20 | Wallonia | 201 | .1 | P. |
| | 1 | 18.15–18.30 | Athlone (Radio Eireann) | 531 | 100 | P. |
| | 8, 22 | 23.40–24.10 | *Hilversum | 1875 | 150 | P. |
| **Lundo:** | 2, 9, 16, 23, 30 | 18.20–18.30 | Sottens | 443 | 100 | K. |
| | 2, 9, 16, 23, 30 | 18.45–19.00 | Montpellier | 224 | 1.5 | P. |
| | 2, 9, 16, 23, 30 | 22.00 | Roma | 245 | 60 | P. |
| | | | Roma 2RO | 31.13 | 25 | P. |
| | 2, 9, 16, 23, | 22.45 | Paris PTT | 431 | 120 | T. |
| | 30 | 23.00 | Radio-Paris | 1648 | 80 | T. |
| **Mardo:** | 3, 10, 17, 24, 31 | 18.00–18.10 | Moravska-Ostrava | 269 | 120 | P. |
| | 3, 10, 17, 24, 31 | 21.20–21.35 | Kaunas | 1961 | 7 | P. |
| | 3, 10, 17, 24, 31 | 22.00–22.10 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 3, 10, 17, 24, 31 | 23.30–23.45 | PRF Rio de Janeiro | 31.58 | 15 | P. |
| **Merkredo:** | 4, 11, 18, 25 | 14.00–14.20 | Paris PTT | 431 | 120 | P. |
| | 11, 25 | 20.20–20.30 | Lyon PTT | 463 | 100 | P. |
| **Ĵaŭdo:** | 5 | 22.35–23.35 | Praha kaj relajsoj | 470 | 120 | T. |
| **Sabato:** | 7, 14, 21, 28 | 13.45–14.00 | Lille | 247 | 60 | K. |
| | 14, 28 | 17.10–17.25 | *Hilversum | 301 | 15 | P. |
| | 14, 28 | 18.10–18.25 | *Hilversum | 1875 | 150 | P. |
| | 7, 14, 21, 28 | 19.00–19.20 | Roma | 420 | 50 | P. |

**Kodo: P=Parolado. K=Kurso. T=Teatrajo.**
*** Aldonu unu horon post 15.5.38.**

## Esperanto kaj Aviadismo

Inter la diversaj fakoj pritraktitaj de la konferenco, "Esperanto en la Moderna Vivo," estis la aviado. Ĉi tiu grava kaj progresa faktoro de la moderna vivo devus esti bona kampo por propagando de nia ideo, ĉar estas memevidente, ke la ekzisto de komuna internacia lingvo alportus grandan helpon en centoj da vojoj. Pensu nur pri la avantaĝoj rikolteblaj de pilotoj, se ĉie la veteraj raportoj estus radie dissendataj en Esperanto, kaj alteriĝaj instrukcioj estus same elsendataj. Simile profitus la pasaĝeroj kaj teknikistoj.

En la kadro de la propaganda Komitato de B.E.A. kelkaj el niaj membroj kunlaboras pri ĉi tiu sfero, kaj jam sukcesis atingi bonajn kontaktojn en nia lando kaj eksterlande. Sekve, oni tre petas samideanojn, iel fake interesitajn pri aviadismo, skribi al "Aviado," ĉe B.E.A., por ke oni laŭeble vaste kunlaboru.



### VERDA REVUO

ne plu aperas. Ĉiuj ĝiaj abonantoj ricevos dum la monatoj majo kaj junio sian abonpagon 1938 en formo de libroj.

*Verda Revuo* tutkore dankas al ĉiuj tutmondaj ges-anoj ! Nuna adreso: s-ro Scheibenreiter F., Wien VII, Hermanng. 31/26, Oesterr.-Deutschland.

---

**Venu al Weston—La Angla Marurbo fama pro "Aero Ĉampana"** estas la devizo sur oficiala gvidfolieto, kun fotoj, ĵus aperinta por konigi Weston-super-Mare al la Esperantistaro. Por ricevi ekzempleron kaj/aŭ pliajn informojn pri la banurbo, skribu al *s-ro V. Turner (Publicity Manager), Knightstone Pavilion, Weston-super-Mare, Somerset.*

**Nova Sokola Informilo.**—Luksan prospekton, broŝureton 12-paĝan (19×21 cm.), bele ilustritan, pri la Sokola Gimnasta Kongreso en Praha 1938 ĵus eldonis al Ministerio de Komerco.—Niaj legantoj petu ĝian senpagan alsendon ĉe la Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo, Praha XIX, Uralské 9.

# Coming Events

## FEDERATION CONFERENCES

**East Midland.**—Turkey Café, London Road, Leicester, May 7th. Hon. Sec.: P. Ecker, Hill View, The Ridings, Ockbrook, Derbyshire.

**Gloucester and Somerset.** — "Cadena Corner House" Café, The Promenade, Cheltenham, May 28th. Details from W. M. Appleby, 47 Clarence Road, Cheltenham.

**West Midland.**—St. Michael's Hall, Oxford, May 14th. Tickets 2/6 including tea and social. Details from A. Harrison, 48 Morrell Avenue, Oxford.

## BAZAAR

**London, S.W.**—A grand two-day bazaar is to be held in Wandsworth Town Hall, High Street, S.W.18, on Friday and Saturday, May 6th and 7th. An Esperanto stall will be a feature of the bazaar, and it is hoped that Esperantists in South-West London will support this publicity effort.

## DISERVO

**London.**—St. Ethelburga, Bishopsgate, 8 majo je 15.30. Parolos f-ino R. A. Davey ; solkantos f-ino R. A. Sales. Teo-kunveno de la Dua-Dimanĉa Rondo sekvos en Great Eastern Hotel (kosto 1ŝ. 6p.).



# Reports

## FEDERATION CONFERENCE

**Yorkshire.**—Kunveno en Halifax la 9an de aprilo kunigis inter 50 kaj 60 geamikojn. Lerta traktaĵo de s-ro J. Tempest, el Bradford, pri "*Enoch Arden* de Tennyson," la ĉeesto de ges-roj Goldsmith kaj f-ino Rivollet, bona temanĝo, kaj amuzaĵoj, ĉiuj helpis sukcesigi la aferon.

## LONDONA DISERVO

Je la 10a de aprilo okazis la kutima Esperanta Diservo en Londono. La preĝejo estis pli ol ordinare plena. Kondukis la Diservon s-ro H. W. Holmes, parolis f-ino Saxl, solkantis s-ino Holmes, kaj tre konvenajn orgensolojn ludis s-ro Oliver. Poste 92 el la ĉeestintoj sidiĝis por teo kaj babilado en la kunveno de la Dua-dimanĉa Rondo.

Por la Kristana Esperantistaro la Diservo kaj la Rondo, ambaŭ tute nesektaj, liveras feliĉajn okazojn por komuna adoro en komuna lingvo, kaj por amikiĝo kun samcelanoj.

M. C. B.

# Persona

## FIANĈIĜO

**Clark-Aldous.**—S-ro Frank Clark kun f-ino E. T. Aldous, anino de la grupo "Verda Stelo" en Ipswich. Gratulon kaj bondezirojn !

## MORTOJ

**Bartholomew.**—En Letchworth, la 18an de marto, f-ino E. M. Bartholomew, multjara fervora laborinto por Esperanto.

**Fryer.**—En West Didsbury, Manchester, en marto, f-ino A. Fryer, membro de B.E.A. dum tri jaroj.

**Waterman.**—En Sud-Aŭstralio, la 4an de februaro, s-ro W. L. Waterman, dum multaj jaroj fervora batalanto por Esperanto en tiu mondparto.

Ni kondolencas kun la familianoj.

---

# La Londona Taksio

**La komentoj de nia kunlaboranto E. W. Amos pri la taksioj la taksioj en sia artikolo "La Surstrata Vivo de Londono" venigis al ni proteston de la Londona Taksiista Esperanto-Grupo, kaj leterojn de tri individuaj Esperantistoj-taksiistoj, kiuj interpretis la komentojn kiel atakon kontraŭ ilia metio. Sube ni presigas la plej objektivan el tiuj leteroj, kaj respondon de nia kontribuinto. Vidu la redakcian artikolon en paĝo 285.**

---

Estas bedaŭrinde, ke s-ro Amos ne petis kelkajn faktojn de la Taksiista Grupo, antaŭ ol li kritikis la Londonajn taksiojn. Siajn ideojn pri la temo li evidente ĉerpis el la ŝercgazetoj, kaj ili reprezentas kalumnian atakon. Li devus scii, ke la meza vivo de Londona taksio estas 10 jaroj, kaj se iu veturilo iam montras gravan difekton antaŭ la forpaso de 10 jaroj, ĝi estas konfiskata laŭ ordono de la aŭtoritato, kiu kontrolas publikajn veturilojn (sen kompenso al la posedanto). Li devus scii, ke ĉiu el la 8,500 taksioj en Londono ne havas pli ol proksimume 5 jarojn. Li devus ankaŭ scii, ke ĉiu taksio estas licencata por nur unu jaro, kaj je la fino de la jaro, antaŭ ol ĝi ricevas novan licencon, ĝi devas esti retirata el servado, kaj post plena riparado, submetata por ekzamenado. La taksiista grupo povus diri al li, ke la Londonaj taksioj eble estas la plej altkostaj veturiloj sur la Londonaj stratoj, pro tio, ke la konstrumaniero estas diktata de la polico. Ili estas konstruataj por forto kaj efiko, kaj kostas proksimume trioble la koston de simila privata aŭtomobilo. Oni dirus al li, ke homoj, kiuj kutime *uzas* la taksiojn en Londono kaj ankaŭ vojaĝas eksterlande, asertas, ke la Londonaj taksioj kaj taksiistoj estas, la plej bonaj kaj servo-kapablaj en la mondo. Iliaj statistikoj pri akcidentoj estas la plej malaltaj el ĉiuj veturiloj (eble kun la escepto de stratplatigiloj). La tarifo ne estas terure alta—4 personoj povas veturi 4 mejlojn (6.5 km.) por 4 ŝilingoj: tio estas, por ĉiu persono la kosto estas 3 pencoj por ĉiu mejlo. La servo estas dudekkvarhora; ne ekzistas "lasta taksio," kaj la servo funkcias de pordo al pordo.

H. Tingey, Taksiisto.

*London E.2.*

---

Kun vera bedaŭro mi sciiĝis, ke miaj asertoj pri la Londonaj taksioj tiom ofendis la membrojn de la Taksiista Esperanto-Grupo en Londono. Kompreneble, mi neniel intencis "kalumnii" ilin, kaj nur bonhumore faris du tri opiniojn, kiujn mi sincere kredis veraj—verŝajne mi iom maldiskrete troigis tiujn opiniojn.

Skribante pri la taksioj (kiujn mi elektis nomi "aŭtofiakroj," sed tio ne gravas), mi faris efektive du asertojn:

1. Ke en Londono la taksioj aspektas malmodernaj laŭ stilo.
2. Ke la veturkosto estas relative alta, kaj la "ordinara homo" tial kutime ne uzas ilin.

Se oni komparas la Londonajn veturilojn kun tiuj de pluraj aliaj ĉefurboj, oni apenaŭ povas kontesti tiujn asertojn; sed tio neniel indikas, ke la taksioj de Londono estas ial evitindaj, kaj se mi donis tiun impreson, mi volonte petas la pardonon de niaj taksiistaj samideanoj, kiuj certe kun entuziasmo atendas efike servi la kongresanojn en aŭgusto.

E. W. Amos.

*Pinner.*

# The Congress at Shandon

**June 3—6 (Whitsun), 1938**

Membership 3/- after 9th May.

The hotel rates ruling at the Congress remain in force for members prolonging their stay at Shandon Hotel. Members travelling home on Tuesday will find it more convenient to spend Monday night at Shandon. Glasgow is fully booked.

The meeting place in the Empire Exhibition is the Georgic, a self-contained building at the N.W. corner of the Palace of Engineering, near Mosspark entrance. Lunch 2/6 at 1 p.m.; High Tea 2/6, plain teas and vegetarian dishes à la carte, at 5.30 p.m.; Rally 8 p.m., tea/coffee at 3d. per cup.

Exhibition halls are not available for meetings after 5 p.m. and a rally as at first visualised is now impossible. As the rally is greatly in favour arrangements have been made to hold it in the Georgic at 8 p.m. Places must be taken by 8.30 p.m. This will be our last opportunity for a reunion before we all go our separate ways. *Samideanoj* in the West of Scotland are asked to take part in any or all of the meetings at the Empire Exhibition on Monday, June 6th, and to notify by postcard their intention to be present to the writer before 24th May.

To avoid disappointment, will members who wish to take part in the 'bus run to Inveraray on the Sunday, and who have not booked, please book before 24th May. The hire of 'buses has to be paid for a week in advance. Tickets, 4/6, may be taken up from Miss Jean McGregor, on arrival at Shandon.

Members arriving on Friday are requested to be in the ballroom at 7.30 p.m. prompt, for the official reception. The hostesses, Mrs. J. Smith and Miss M. Kennedy, and the presidents, Mr. G. D. Buchanan and Mr. D. Kennedy, will be in attendance.

To allow of freedom of movement to supervise arrangements, kindly remit any balance due not later than 1st June. Programme and badge, as final quittance, will be given on arrival.

Ĝis Shandon.

T. C. Green.

74 *York Street,*
*Glasgow, C.2.*

---

# La XVIIIa Kongreso de S.A.T.

La XVIIIa kongreso de SAT okazos ĉi-jare, en Bruselo, de la 7a ĝis la 13a de aŭgusto, en la famkonata socialista "Popoldomo" de Bruselo.

Ĝia sukceso anonciĝas granda. Kompare al antaŭaj kongresoj, la O.K.K. enregistris—ĝis nun—la plej altan aliĝnombron.

Rilate la loĝadon oni zorgas pri amas-loĝejo kaj tendejo, krom la kutimaj hotelloĝejoj kaj ĉe-kamarada gastado.

Ne-SAT-anoj rajtas aliĝi kiel "gasto" je la samaj kondiĉoj kiel anoj. Ni supozas, ke multaj Esperantistoj profitos tiun okazon por viziti la ĉefurbon de Belgujo.

La kongreskotizo estas: 40 fr. belgaj (30 fr. por tiuj, kiuj aliĝos antaŭ 1 junio). La senlaborulo pagos duonon de tiuj kotizoj.

Por informoj, oni sin turnu al: L. Strainchamps, **148 Av. du Roi, Bruxelles.**

# OFFICIAL NOTICES

*President* : G. D. Buchanan, F.R.A.S.
*Hon. Secretary* : Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer* : Robert Robertson.
*Secretary* : R. B. Wilkinson.
*Propaganda Secretary* : M. C. Butler, M.R.S.T.

## NEW FELLOW

B. B. Beaumont — *Huddersfield.*

## APPLICATIONS FOR FELLOWSHIP

| | |
|---|---|
| Walter R. Drake | *Linthorpe, Middlesbrough.* |
| F. Douglas Murphy | *Ipswich.* |
| F-ino F. D. Wickelgren | *Buckhurst Hill.* |
| F-ino E. G. Stacey | *Buckhurst Hill.* |
| F-ino A. M. Stacey | *Buckhurst Hill.* |
| F-ino N. A. Stacey | *Buckhurst Hill.* |

## NEW MEMBERS

| | |
|---|---|
| Adams, L. J. | *London*, E.18. |
| Amos, S-ino G. | *Northwood Hills, Pinner.* |
| Aspin, H. | *Darwen.* |
| Bailey, F-ino M. | *Blackburn.* |
| Bennett, J. C. | *Edinburgh.* |
| Birtwistle, L. | *Carleton, Nr. Blackpool.* |
| Blackett, F-ino W. M. | *Abbots Leigh, Bristol.* |
| Bowen, D. A. | *Edgerton, Huddersfield.* |
| Braye, T. | *Johannesburg, S. Africa.* |
| Collard, L. J. | *Weston-super-Mare.* |
| Cozens, F-ino N. | *Four Oaks, Sutton Coldfield.* |
| Crouch, F-ino R. E. | *Bromley, Kent.* |
| Doig, R. M. | *Aberdeen.* |
| Eagling, S-ino M. E. | *Faulkbourne, Essex.* |
| Elliott, Rev. E. C. | *Strood, Rochester.* |
| Fuller, T. A. | *Armthorpe, Doncaster.* |
| Geddes, S-ino W. | *Southend-on-Sea.* |
| Gibson, H. | *Grays, Essex.* |
| Harrald, F-ino V. G. | *Sunderland.* |
| Huntington, F-ino P. M. | *Barkingside, Essex.* |
| Kimmins, A. R. | *Seven Kings, Essex.* |
| Klavehn, R. C., PH.D. | *Kilmarnock.* |
| Margerison, H. | *Layton, Blackpool.* |
| Nash, S-ino M. | *Watford.* |
| Nethey, S-ino M. | *Cardiff.* |
| Newton, F-ino M. | *Blackburn.* |
| O'Bryen, C. M. | *Rickmansworth.* |
| Oliver, F-ino K. | *Newcastle.* |
| Rankin, H. | *Crumlin, Dublin.* |
| Rooke, C. W. | *Long Eaton, Nottingham.* |
| Singers-Bigger, F-ino G. | *London, S.W.*5. |
| Smith, G. H. | *Leagrave, Luton, Beds.* |
| Smith, S-ino M. B. | *Westcliff-on-Sea.* |
| Smith, W. H. | *Croydon.* |
| Stevens, P. | *Sidcup.* |
| Stuck, C. A. J. | *Midhurst, Sussex.* |
| Taylor, F-ino I. | *Middleton, Nr. Manchester.* |
| Travis, S-ino T. | *Middleton, Nr. Manchester.* |
| Walker, F-ino V. R. M. | *Leeds*, 8. |
| Webster, F-ino M. | *London*, E.8. |
| Wilson, F-ino H. | *London*, E.12. |
| Wing, F-ino C. | *Westcliff-on-Sea.* |

## NEW LIFE MEMBER

Gueritte, S-ino M. T. — *Surbiton, Surrey.*

## NEW LOCAL DELEGATES

*Bocking and Braintree.*—The Rev. E. Rogers, Dean of Bocking, The Deanery, Bocking, Braintree, Essex.

*Colchester.*—F-ino E. Walters, 36 Creffield Road.

*Hawick.*—W. T. Samuel, c/o Mrs. McQueen, "Fermihurst," Lockhart Place.



## B.E.A. EXAMINATIONS

**Diploma.** — Thomas William Groze, Albert Lawson, *Wellington, N.Z.* ; Walter Raymond Drake, *Middlesbrough* ; Barbara M. Shaw, *Edinburgh.*

**Diploma—Oral Part.**—Elizabeth Bryce Smith, *Cambuslang.*

**Advanced by Correspondence.**—Thomas Philip Fargher, *Douglas, I.O.M.*

## DONATIONS TO B.E.A. DURING MARCH, 1938

*General Funds.*—T. J. Gueritte, £3 ; Huddersfield Esp. Soc., S-ino S. W. Long, £2 ; G. M. Hollis, £1. 1s. ; T. L. C. Bluett, J. R. Joseph, £1 ; J. T. Harrod, 15/– ; E. Whitley, 12/– ; P. L. Wright, 11/– ; F-ino A. B. Howlett, W. K. Nash, 10/– ; E. L. West, 6/– ; W. Chitty, E. P. Barrett Cocks, Rev. H. Dawtrey, E. Lacey, E. Morrison, F-ino A. L. Richardson, E. J. Spanier, 5/– ; A. H. Jones, Rev. E. N. Thomas, 4/– ; F-ino Brookfield, F. Goodliffe, J. Small, 2/6, F-ino W. A. Young, 2/– ; W. A. Page, 1/10 ; J. H. Bohun, F-ino H. E. Bone, H. F. Haddock, 1/– ; D. Froome, H. G. Seymour, 6d.

*Motor Car and Propaganda Fund.*—T. J. Gueritte, £1 ; G. M. Hollis, £1. 1s. ; J. R. Joseph, £1 ; A. T. L. Hickson, F-ino D. F. Wilkinson, Halifax Esp. Soc., 10/– ; Prof. W. E. Collinson, J. Course, R. K. Hurgon, F-ino A. L. Richardson, Wm. Thistlewaite, 5/– ; J. T. Harrod, 4/– ; E. S. G. Driver, F. Goodliffe, 2/6 ; J. R. Miller, J. Newby, 2/– ; J. Pagesmith, 1/6 ; D. Froome, 1/–.

## JUBILEE FUND

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 1,490 | 4 | 4 |
| Daily Mirror Tokens .. .. | 2 | 0 | 10 |
| D. Froome .. .. .. | | 1 | 0 |
| | £1,492 | 6 | 2 |

## GUARANTEE FUND, 1938

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 188 | 2 | 0 |
| Boyce, A. E., Bristol .. .. | 1 | 0 | 0 |
| Briggs, F-ino B. C., Nottingham .. | | 10 | 0 |
| Collinson, Prof. W. E., Liverpool .. | 1 | 0 | 0 |
| Driver, E. E. G., Sidcup .. .. | | 5 | 0 |
| Gueritte, T. J., Surbiton (additional) | 5 | 0 | 0 |
| Hill, C., St. Leonards-on-Sea .. | | 10 | 0 |
| Holland, J. W., Leighton Buzzard .. | | 10 | 0 |
| Hollis, G. Mercer, Kew Gdns. (addit'n'l) | 2 | 10 | 0 |
| Howlett, F-ino A. B., Bushey .. | | 10 | 0 |
| Iggulden, W. H., Ashford .. .. | | 5 | 0 |
| Isaacs, F-ino C., Manchester .. | | 5 | 0 |
| Jones, F-ino E. A., Kingston-on-Thames | 2 | 0 | 0 |
| Maxwell, Major C. H., Anstruther .. | | 10 | 0 |
| Moffat, J. Valpy, London, S.W.16 .. | | 10 | 0 |
| Oswell, C. A., Sherwood, Nottingham | | 10 | 0 |
| Richardson, F-ino A. L., Monkseaton | | 10 | 0 |
| Soulsby, S-ino E., Amotherby .. | 2 | 2 | 0 |
| | £206 | 9 | 0 |

**Further guarantees will be gratefully received.**

## The British Esperanto Association (Inc.)

## NOTICE OF SPECIAL RESOLUTIONS

**Notice is hereby given that an Extraordinary General Meeting of the British Esperanto Association (Incorporated) will be held in the Shandon Hotel, Gareloch by Helensburgh, Dumbartonshire, on Sunday, 5th June, 1938, at 12 noon, for the purpose of considering and, if approved, passing the following Resolutions embodying the indicated alterations in the Articles of Association.**

*Resolution No.* 1.—In Article VI, section (*a*), in the last sentence, after the words "An Affiliated Group" to insert the words "not less than ten members of which are Corporate Members of the Association."

*Resolution No.* 2.—In Article XIII, section (*a*), paragraph (3), after the words "Each Affiliated Group" to insert the words "not less than ten members of which are Corporate Members of the Association."

*Resolution No.* 3.—In Article XIII, section (*a*), paragraph (2), to delete the words "twelve in number, four being elected" and to replace them by the words "eighteen in number, six being elected."

*Resolution No.* 4.—To delete section (*c*) of Article VII. and to renumber section (*d*) and call it section (*c*).

*Resolution No.* 5.—In Article VIII, section (*b*), to delete all the words following the words "in Article III" and to insert in their place the words "and is renewable on the first day of January in each subsequent year, but in the case of a member enrolled after the last day of June in any year a half-subscription only is payable for the remainder of the calendar year."

*Resolution No.* 6.—In Article VIII, to renumber sections (*c*), (*d*) and (*e*) as (*d*), (*e*) and (*f*) respectively, and to insert a new section (*c*) reading as follows :—

> "(*c*) The said affiliation fees are payable on notice of acceptance of the application for affiliation being given, and are renewable in each year on the anniversary of the date of the first payment."

*Resolution No.* 7.—In Article X, section (*d*), to delete the words "at the discretion of the Council" and the words "at the discretion aforesaid."

RONALD B. WILKINSON,
*Secretary.*

## COUNCIL MEETING
### April 2nd, 1938

*Present* :—The President (in the Chair), the Hon. Secretary, the Hon. Treasurer and 22 Councillors.

*In attendance* :—The Secretary, the Education and Propaganda Secretary.

Mr. B. B. Beaumont was elected a Fellow of the Association. The proposed alterations in the Articles of Association were considered, and approved for submission to the members of the Extraordinary General Meeting called for June 5th at Shandon. The question of Special Examiners was discussed, and several fresh names were approved for appointment to the post subject to the consent of the individuals in question : it was also arranged that a list should eventually be issued for circulation to candidates for the Diploma who might wish to avail themselves of the services of a Special Examiner. Further consideration was given to the position of the Jubilee Fund and

the possibility of acquiring a suitable property with the money available. Mr. Long and Mr. Oliver were reappointed as the representatives of the B.E.A. on the Committee of I.E.L.

**EXECUTIVE COMMITTEE MEETINGS**
**March 14th and April 4th, 1938**

Among the numberous matters dealt with were Propaganda in the Schools, among aviators and among members of the forthcoming Universal Congress not already members of the B.E.A.; staff matters; and the position of the Guarantee Fund. As regards finance, it was reported that the number of new or rejoined members of the B.E.A. since the beginning of the year was considerably in excess of the number in the same period of 1937, and book sales showed an increase, and that donations had come in better than last year.

## SMALL ANNOUNCEMENTS——ANONCETOJ




# THE BRITISH ESPERANTIST

**Publishers (Eldonistoj):**
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC.,
142, HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1. *Telephone:* HOLBORN 4794.

**Editor (Ĉefredaktoro):** FRED WADHAM.
**Literary Editor (Literatura Redaktoro):** MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)—Twelve months,* 2/6. *Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

JARABONO: 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj: po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono). Oni sendu manuskriptojn al la Ĉefredaktoro. Li resendos nur tiujn manuskriptojn, kiujn akompanos afrankita koverto, aŭ respondkupono. Li rezervas la rajton fari korektojn laŭbezone.

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and be addressed to* THE EDITOR. *The Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. Matter should be received by the 8th of the month.*

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are:— Fellows,* 21/-; *Members,* 5/-; *Junior Members (under* 18), 2/6; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d.; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*